3ª jaro - Nº 11 (30) (Publication mensuelle) Novembro 1935

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : RAYMOND SCHWARTZ
Redakcio : 5, Avenue Galliéni
COURBEVOIE (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14ᵉ

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

Refoje malfrue... eĉ pli ol kutime !
Ve ! — kaj eble, baldaŭ ne plu...
sed turnu la paĝon !

# TARIFO DE L'ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

| | |
|---|---|
| en Francujo . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 10 fr. fr. |
| en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . | 12 fr. fr. |
| en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . | 15 fr. fr. |

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# ALPROKSIMIĜAS LA FINO DE L' VOJAĜO...

Geamikoj :

La Pirato baldaŭ ne plu kaperos...

Tiun ĉi krudan sciigon mi dispublikigas sen entuziasmo. Mi ja amis nian Piraton; ni ĉiuj amis ĝin. Ni estis bela familio; sen afekto, sen blufo, sen pomado. Kaj malgraŭ sukceso ĉiutage pli brila, ni devas nun interrompi la vojaĝon de nia ŝipo. Al tiu ĉi decido ni alvenis kun sento tiom pli malĝoja, ke ĉiutage pligrandiĝis la nombro de l' Pirat-amikoj, kvankam neniam ni komerce komplimentis nek flatis eventualajn klientojn. Venis al ni, kiu volis; kiu ne volis, forrestis. Estis bone. Estis bele. Sed...

Jam dum tiu ĉi jaro, La Pirato aperis tro regule kun certa malfruo, pri kiu — tion mi devas konfesi — kulpis ĉefe mi mem. Pli ol estis antaŭvideble siatempe, kiam dum junio 1933 mi ekipis nian ŝipon, la postaj jaroj absorbis miajn liberajn momentojn per filistraĵoj de profesia laboro. Sed antaŭ ĉio, necesas vivi, ĉu ne? Tiel okazis... Post laciga taglaboro en banka oficejo oni ne ĉiam sukcesas savi sufiĉe da anima sereneco por kapabli, dum tro malmultaj liberaj vesperhoroj, verki senchavajn stultaĵojn! Tamen... ni aperis... preskaŭ regule .. komence de l' sekvanta monato!

Sed de nun...

Post Novjaro (bedaŭrinde aŭ... feliĉe, — dependas nur de la vidpunkto) mi okupos novajn funkciojn, aŭ, pli ĝuste la funkcioj okupos min, kaj kiel ajn mi provas starigi mian tempobudĝeton, ĝi saldiĝas per deficito. Se mi sobrece (!!) rigardas la krudan fakton, mi povas nur konkludi, ke mi ne plu povos certigi la aperon de La Pirato. Necesis elekti, aŭ La Piraton, aŭ la Bankon. Vi pardonos al mi, se dum momento mi estis malforta kaj elektis la lastan...

Baldaŭ la Pirato ne plu kaperos. Ankoraŭ ni eldonos la decembran numeron, kompreneble dum februaro, kaj estos la fino de l' vojaĝo. Sed ni ne fariĝu melankoliaj antaŭtempe. La krepuskan muzikon ni rezervu por la lasta numero.

Ankoraŭ kelkajn vortojn al la malfeliĉaj abonantoj, kiuj ĵus aŭ antaŭ nelonge sendis sian monon. Estu kvietaj, vi perdos malmulton. Kvankam, verdire, nia nomo mem rajtigus nin, almenaŭ unu fojon al tipa pirat-ago, ni tamen intencas, koncerne kasajn problemojn, postlasi senpekan reputacion. Tiel neniu havos materian kaŭzon por postplori La Piraton...

RAYMOND SCHWARTZ.

---

**ATENTU !**

**Lastmomente eklumas espereto...**
**Vidu la komunikon sur paĝo 176.**




# Paralele

Povas esti, ke vi, elita leganto, vegetas (siatempe oni *vivis,* nun oni *vegetas*) en Francujo aŭ ĉe la Suda Poluso, en Usono aŭ en URSSujo, en Etiopio aŭ en Utopio, en Diktatorio aŭ en Demokratio, sed kie ajn vi estas, vi havas la okazon, eble eĉ ĉiutage, malfermi nacian gazeton. Ĉu vi rimarkis, ke ĉiuj nacilingvaj gazetoj kun admirinda unuanimeco nuntempe atakadas Ĝenevon?

La unuanimeco, se oni analizas ĝin, estas nur ŝajna. Unuj riproĉas al Ĝenevo, ke ĝi ne efektivigis la belajn revojn, kiujn malavare sinceraj homoj ŝpinis el tro famaj promesvortoj (ĉu vi rememoras?). Aliaj moke rikanas, ke la tuta farso dekomence estis konstruita sur la moviĝanta sablogrundo de internacia iluzio kaj ke la Ĝeneva institucio aroge okupiĝas pri problemoj, kiuj estas ekster ĝia kompetenteco. Fakto restas, ke neniu estas kontenta. Fakto restas, ke la aparato Ĝeneva estas tre multekosta kaj funkcias malbone. Tial, ĉiuj gazetoj plendas pri la internacia organismo kaj daŭre atakadas Ĝenevon, — la Ligon de Nacioj.

Ni, Esperantistoj, dank'al Dio, ŝvebas serene super banalaĵoj de malvasta nacia politiko (???), sed tro volonte ankoraŭ ni imitas naciajn kutimojn kaj gest-

ojn. Tial ankaŭ ni, Esperantistoj, paralele atakas Ĝenevon, kiu ne povas kontentigi ĉiujn niajn pli aŭ malpli pravajn esperojn. Ne realiĝis ĉiuj florrevoj; niaj belaj aspiroj restis surpapere. Unuj riproĉas, ke Ĝenevo okupiĝas pri aferoj ekster ĝia kadro, aliaj pretendas, ke ĝi ne estas sufiĉe vigla, entreprenema. Entute neniu estas kontenta kaj seninterrompe ĉiuj krias kontraŭ UEA! Kaj en tio ĉi almenaŭ niaj gazetoj similas al la naciaj ĵurnaloj. — Sed ĉu la kerno de l' problemo troviĝas vere en Ĝenevo? Imagu foje, ke la Ligo de Nacioj konsistas el homaj homoj kaj UEA el Esperantaj Esperantistoj....

La dejoranta Pirato.

## LASTA EĤO EL NIA XXVII-a

Ankoraŭ ne estas tro malfrue por raporti pri interesa novaĵo, kiun oni provis unuafoje dum nia XXVII-a. Kompreneble ne temas pri ŝerca mistifikaĵo, ĉiupece elkovita en niaj molaj cerboj, sed pri aŭtentika, oficiala fakto, kiun solene priatestas la Kongresa Libro mem.

En tiu ĉi Kongresa Libro oni trovas ne nur la nomojn de ĉiuj kongresanoj, kun kompletaj adresoj, sed ankaŭ Laŭlandan Statistikon kaj Laŭprofesian Resumon. Tiel ni ekscias, ke ĉeestis, ekzemple, 13 advokatoj, — 10 apotekistoj, — 207 geinstruistoj, kaj... 27 kuracistoj, dentistoj, *akuŝantinoj*.

Jes, ĉeestis akuŝantinoj (Kongr. Libro, paĝo L.) Kaj nun ni komprenas, kial kelkaj sagaculoj povis aludi, ke la Kongreso konis la sukceson de la Ĉe-kursoj: Oni efektive nombris pli da partoprenantoj ĉe la fino ol ĉe la komenco!

Tamen, restas la grava demando: ĉu ne estus pli humane konsili al niaj ĉarmaj akuŝantinoj, ke ili prefere akuŝu hejme? — La respondo apartenas al niaj oficialaj instancoj.

Rosa Meier.

## Prof. COLLINSON



*Wranka Dragutin.*

. . . Oni refoje parolas pri krozado al Afriko . . .

---

## STRANGA DEMANDO

— Ĉu vi scias, ke troviĝas multaj italoj inter la etiopaj trupoj ?

— ? ? ?

— Jes, . . . hosp . . . italoj !

# A. P. D. L. R. D. L. V. B.

APDLRDLVB (prononcu laŭplaĉe) estas la nomo de la nova Asocio, kiu ĵus kreiĝis kaj kiu sendube signas la plej gloran aŭroron de l' plej historia epoko. Tutkore ni deziras, ke ĉi tiu aŭroro neniam kuŝiĝu, sed ke ĝi alportu per firma mano al ĉiuj idealistoj kaj eĉ al sinceraj homoj la regnon de l' justeco, logiko kaj sunvetero sur nia literatura kampo, same kiel al ĉiu honestulo la absolutan eblecon sin bani almenaŭ unu fojon ĉiumonate. — APDLRDLVB, kiel nia elita legantaro sendube jam divenis, signifas tute simple : Asocio Por Defendi La Rajtojn De La Vorto Bezonejo. — Ni ne povas pli elokvente prezenti la noblan celon de tiu Asocio, ol citante vorton post vorto la brilan paroladon, kiun la iniciatinto de tiu ĉi nova krucmilitiro faris dum la ĵus okazinta kongreso de l' malnovaj karuselĉevaloj.

« Kamaradoj », la eminenta oratoro diris, « kion ni vidas hodiaŭ ĉirkaŭ ni ? Fuŝistoj fariĝis ministroj ; honestaj homoj forŝtelas dumnokte tutajn urbkvartalojn ; ĉastaj edzinoj hontinde trompas siajn edzojn kaj kromedzojn kun individuoj, kies virto ne pezas pli multe ol hidrogenatomo ; frenezuloj volas kuraci la mondon ; Grenkamp sin kredas la aŭtoro de la Vortoj de Profesoro Cart kaj pli kaj pli malaperas el niaj moroj la uzo de harpingloj ! Sed tio estas nenio kompare kun la krima situacio, kiun tro pacience la Esperantistoj ĝis nun toleris. Efektive, kamaradoj, vidu, vidu ! Tute senrajte, perforte aŭ perruze kaj kontraŭ ĉiu logiko la vorto Necesejo uzurpis la lokon de tiu simpatia BEZONEJO. Tro longe jam la skandalo daŭris. Urĝas, ke ni redonu, kiel eble plej baldaŭ, al Bezonejo, kio apartenas al ĝi.

Nek en la historio de l' popoloj, nek en la libroj de l' filozofoj, nek inter la receptoj de l' kuirarto vi trovos argumenton, kiu pravigus la ekziston de l' ne-

cesejo. For do la necesejon, kiu ne plu respondas al niaj modernaj bezonoj. Aliĝu, kamaradoj, aliĝu al nia APDLRDLVB kaj preparu kun ni la triumfan vojon de la malfeliĉa orfa Bezonejo, laŭ la bela principo de niaj anglaj amikoj : " La rajta mano sur la rajta placo ! " Kaj tiam, nur tiam, malaltiĝos la aroganteco de la abomena necesejo kaj eble ankaŭ la prezo de l' butero. Vivu la APDLRDLVB kaj la karusel-ĉevaloj ! »

A. B. C. Awful.

# Ora recepto

Dank' al maldiskretaĵo de unu el niaj amikoj, influhava membro de UEA, ni povas hodiaŭ publikigi kiel unua en la esperantista gazetaro eltiraĵon el la fama enciklikо « Konsilaro al la grupoj », kiu aperis antaŭ kelkaj monatoj. Pro teknikaj kaŭzoj, tiu ĉi teksto ne estis enpresita. La konsiloj ŝajnas unuavide tiom interesaj, ke ni ne povis rezisti la plezuron ilin reprodukti en niaj modestaj kolonoj. Aliparte, kelkaj punktoj iom grave kontuzas nian samideanan koron kaj ni demandis nin, ĉu tiu supre aludita amiko ne estas petolulo kaj samtempe la plej granda fuŝulo de la tero. Sed, nia konata respekto al la oficialaj instancoj devigas nin vigle forpuŝi per malestima piedo tiun dumsekundan suspekton kaj blinde kredi, kion ni legis.

*Konsiloj koncerne la novajn adeptojn.* — En la komenco estas rekomendite uzi kiel eble plej multan singardemon. Kiel scias ĉiu, krom la novealvenintoj mem, tiuj ĉi estos viktimoj de l' plej perfidaj insidoj. Dum la tri unuaj monatoj de ilia noviceco estus prudente, ke ili ne iru el sia hejmo. Embuskoj science pretigitaj kaj en kiujn ili senmanke falus, ilin minacas : la kontraŭalkoholistoj, la filatelistoj, la vegetar-

anoj — kiuj prezentas verŝajne la malplej gravan danĝeron en tiu kurioza faŭno. Pli timindaj estas la movad-organizistoj kaj -reorganizistoj kaj gazeteldonistoj (tiuj gazetoj, kiel ili asertas, estas nepre necesaj por la racia disvolviĝo de nia movado), kiuj ilin ŝtelatendas ĉiupaŝe, malantaŭ ĉiu pordo, ĉie, por elperforti de ili ĉu dumvivan abonon, ĉu kotizon, subvencion, donacon, oferaĵon, monan helpon, financan kunlaboron kun partopreno en la deficito, ktp...

Dum la kvar postaj monatoj, ili povas cirkuli ekstere, kondiĉe, ke ili laŭiru la murojn kaj surhavu perukon aŭ nigrajn okulvitrojn aŭ lambastonon aŭ kion ajn, kio helpu al ili ne esti rimarkitaj. Post ĉio tio, se ili juĝas sin sufiĉe harditaj, ili povas, je sia propra risko, provi kelkajn vizitojn en la grupojn. Ili malfidu antaŭ ĉio la virtulojn, kiuj ornamas ilin. Se, bedaŭrinde por si, ili konsentas servorele aŭskulti tiujn homojn, ili verŝajne perdos ĉian guston al tio, kio igas la vivon bela. La ĵus menciitaj individuoj strebos naŭzigi ilin de l' viando, de l' tabako, de l' brando kaj de tiu mirinda kaj ĉarma juvelo, kies nomo estas knabino. Kun tiaj principoj, la vivo fariĝus pli artefarita ol nia lingvo. Sin gardi ili devas ankaŭ de l' kolektantoj. Ĉar la esperantistoj ne kolektas tion, kio povas ilin levi al la ŝatindaj kaj delikataj ĝojoj ĝenerale troveblaj en la serĉado al la belo kaj mensekvilibro. Trambiletoj, aŭtografiibretoj, pantalonbutonoj — por tiel limigi nefineblan liston — jen estas horizonto, de kiu ni nepre volas ilin ŝirmi.

Ili alportu al nia movado nur amatoran helpon. Eĉ se entuziasmo bruligas al ili la vejnojn, ili tenu sin kontraŭ ĝiaj pereigaj konsekvencoj kaj se ne volas rikolti malestimon, ili ne tro laboru. La ekscesa laboro malhonorigas la homon kaj ĝusta kvanto en ĝi — kiel en ĉio — devas esti.

Ili aĉetu librojn nur rabate. Eĉ tiel la libroj valoras malpli, ol oni pagas. Se oni certigas al la novuloj, ke tio estas maltaŭga metodo, ili ne kredu ! Rabataĉetita libro povas instrui aŭ distri normalan

homon sambone, kiom plenpreze pagita, kaj al la enhava ĝuo kolektiĝas la dolĉa sento pri inteligente ŝparita mono, uzebla alimaniere — ekzemple por abono al kajeroj por satiro, humoro kaj libereco relativa *). Malfidu kelkajn aŭtorojn. Ili verkas kun la impreso, tute persona, ke ili bone scias la lingvon. Se vi estas molkorulo, lasu ilin kun tiu impreso, sed neniel kuraĝigu ilian fuŝecon. Por legi, se ne kun frukto, almenaŭ sendanĝere, iujn el niaj verkistoj, estas saĝe preni antaŭe la medikamenton, kies formulon bonvolis liveri al ni kompetenta specialisto kaj kiun ni konfidence konigas al vi :

| | |
|---|---|
| Aspirino . . . . . . . . | 3 gramoj |
| Akvo. . . . . . . . . . | duonglaso |
| Brando. . . . . . . . . | plenbotelo (minimume) |

Ripozo absoluta dum minimume 8 tagoj post la eksperimento. Aldoni unu tagon po ĉiu plua deko da paĝoj legitaj. Prudente estas konservi la kuŝan pozicion, sur sofo aŭ lito, kaj telefone alvoki sian kutiman kuraciston. Ne trinki mem la brandon. Teni ĝin je la dispono de la vizitantaj amikoj.

MAFJA.

*) Ve! La konsilo alvenas malfrue!

# AL LA LUNO

(Ĉi tiun poemeton oni atribuas al servistino, kiu, longe servinte ĉe angla poeto, foje inspiriĝis.)

Ho, kara Luno  
Belegavizaĝa,  
Vin admirante,  
Ĉielan Mostaĵon,  
Ofte mi diris,  
Ĝemsopirante,  
« Ĉu iam ni vidos  
Vian postaĵon ? »

*Kompilis :* R. F. VAUGHAN.

# Novaj labormetodoj

La ĝisnunaj labormetodoj nur malofte estis indaj je la Homo, kiu malgraŭ ĉia civilizacio kaj kulturo tamen estas kaj restas la krono de ĉiuj kreitaj estaĵoj. — La ĝisnunaj labormetodoj iom tro naive inspiriĝis el la fatalaj Genezaj vortoj : « En ŝvito de via vizaĝo vi manĝados panon » *). Ĉiuj el vi, malfeliĉaj legantoj, kiuj bezonas, por vivi, pergajni mem sian bifstekon, scias, kiom malagrable estas lacigi sian korpon aŭ menson ; tial, ĉiuj el vi, molmuskolaj legantoj, kiuj ŝatas ŝpari fortojn kaj penojn, devos eterne esti dankemaj al nia bona amiko P. Petit kaj bruligi je lia honoro dekduon de stearinkandeloj, ĉar P. Petit malkovris la sistemon, dank' al kiu, fine, la homo povos leviĝi sur homan nivelon.

Bonvolu atente kaj kritike legi, tralegi, relegi la belan artikolon publikigitan en la Septembra numero de nia glora *Franca Esperantisto*, sub la aŭdaca titolo :

« *Tamen... oni laboris en Romo.* »

Jen, ekstrakte, kion diras nia bona amiko Petit : « La laboremuloj estis en la komitato de UEA, kiu kunvenis sepfoje. El tiuj kunsidoj ni nur elvoku la rezultatojn :

1-e Speciala protokolisto deĵor*os* por ĉiuj kunvenoj de ĉiu universala kongreso.
2-e La kotizoj 1936 estas neŝanĝataj.
3-e La jarlibro 1936 aper*os* plej malfrue en Februaro.
4-e La komitatanoj send*os* proponojn al la Prezidanto.
5-e Raporto pri financaj aferoj estas dissend*ota*.
6-e Komisiono verk*os* konsilaron por la delegitoj.
7-e La komitato aprobis la programon de la 28-a U. K.
8-e UEA invit*os* ĉiujn organizaĵojn sendi reprezentantojn al la Jubilea Kongreso en 1937.

Ktp. ktp.-sekvas ankoraŭ ok aliaj samspecaj punktoj.

---

*) Unua Libro de Moseo, III. 19.

Tamen... tamen... oni laboris en Romo!

Kaj ni permesas al ni korekti la tekston de Moseo, jene:

« En ŝvito de via vizaĝo vi aranĝados planon. »

Ĉu vi komprenis la novan metodon? — Kompreneble, tio aspektas nun simpla kiel la ovo de Kolombo, sed necesis pensi pri tio. Nun, evidente, estas facile adapti aŭ ekspluati la metodon, ĉar pro puninda forgesemo nia bona amiko ne patentigis sian artikolon, kiel estus farinta la *profesia ĵurnalisto*. Kaj jam oni adaptis kaj ekspluatis la recepton. Pruvo:

*La Prezidanto de la Privata Fervoja Kompanio raportas pri la Agado de la Entrepreno dum la dek-du lastaj monatoj*

« La estraro de via honorinda kompanio, sinjoroj geakciuloj, kunvenis naŭdekfoje plus unu. Jen la konkretaj rezultatoj el tiuj laborkunsidoj:

1-e Oni evitos, ĉiufoje, kiam estos eble, fervojajn akcidentojn.

2-e La tarifo estas neŝanĝata.

3-e Kiam du vagonaroj renkontiĝos sur la sama relparo, okazos katastrofo. En tiu ĉi okazo ŝajnas, ke estus bone uzi kaŭĉukajn vagonojn.

4-e Oni pligrandigos la formaton de l' veturbiletoj.

5-e Dum ĉiuj kunsidoj, senescepte, la tablotuko estis verda.

6-e La vapormaŝinoj, kiuj tiras la vagonojn, estos senŝanĝe nomataj lokomotivoj.

7-e Kie ne estas stacio, la vagonaro ne bezonas halti.

8-e Por imiti la bruon de ekveturanta lokomotivo, oni oficialigos la onomatopeon « Papu-papapu-papu-papapu! »

La akciuloj unuanime voĉdonis bruajn aplaŭdojn.

☆☆☆

Kaj ni mem, ĉerpante el nia nigra piratanimo la necesan kuraĝon, ni ne hezitis antaŭ unu plua plagiato. Niaj redakcia kaj administra staboj kunkuŝis dum trihora laborkunkuŝo kaj ellaboris diversajn rezultatojn, inter kiuj ni citas nur la ĉefajn :

1-e Trovota mecenato konsentos pagi niajn ŝuldojn en niaj kutimaj trinkejoj.

2-e La jaro 1936-a estos kromjaro.

3-e La decembra Piratnumero aperos plej frue dum februaro.

4-e Por venigi la kelneron, oni premos butonon de elektra sonorilo.

5-e La redakcio aprobis la meteorologian bultenon de l' Londona Observatorio.

6-e Oni intencos krei komisionon, kiu studos la eblecon respondi al ĉiuj leteroj alvenintaj dum la lastaj jaroj.

7-e Oni ne plu primokos eminentulojn.

8-e Oni foruzis kvar pakaĵojn da tabako, kio tamen reprezentas 12 pippovojn.

9-e Oni trinkos plue je la sano de niaj piratinoj.

10-e Oni nomos sinjoron P. Petit Honora Pirato.

11-e Oni fermis la butikon je la krio milfoje ripetita de afabla eĥo : « Vivu la Akademio kaj la Preseraroj ! »

CONDORCET.

---

# KONSILO

« Ni fosu nian sulkon ! », estas bonega devizo por ni, la Esperantistoj, kiel por aliaj homoj. — Sed... « ne tro profunden, karaj kunlaborantoj ! Sulkon ni celas, ne tombon ! »

R. F. V.




## La drama ŝippereo aŭ La problemo estas pli facile solvebla, ol oni povas kredi unuavide

---

Nedubeble homo, kiu pasigis kelkon da monatoj en la malkomforto de l' malliberejo, eliras de tie kun iom ŝancelaj ideoj. Pulbuŝel forlasis ĝin antaŭnelonge, tra la pordo — kio estas facile klarigebla, — cetere pli ol la tien lin kondukinta motivo; sed tio estas alia historio. Do, por reveni al nia temo, la piratoj decidis digne festenfesti la gloran tagon de l' liberigo kaj tion efektivigis, kiel scias nur ili : bombe, frakase, ege, kun spico de la fortesprimaj vortoj de ĉiuj — krom de la heroo de l' kunĝojo. Certe pli silentema homo ol li ne ekzistas de Parizo ĝis Pentekosto. Iafoje pasas unu grupkunveno, aŭ internacia kongreso, eĉ iam sukceso por Esperanto, inter liaj du plej proksimaj paroloj. Kial tiu stulta Nels petis lin rakonti ion ? Nur diablo povas penetri la sekreton de tia fuŝula cerbo. La katastrofo estis antaŭvidebla. Kun sia kvazaŭrideto, kiu tiel bone odoras rostbifon. A. B. C. Awful ekbruligis sian mallongtuban pipon kaj, prudente kaj singardeme proksimiginte al si unu kontraŭsoifan botelon, kraĉis malestime dum la aliaj ronde ariĝis ĉirkaŭ Pulbuŝel. Tiu ĉi ekparolis senplue kaj jene :

« Kiu homo povas fieri je l' fino de sia vivo, ke li ne estis iam kruele embarasita, eĉ nur dum kelkaj minutoj ? Imagu, vi, riveraj pirataĉoj, kian sonĝon mi faris ! Mi estis sur vaporŝipo pro iu motivo, kiun mi ne povas detaligi ĉi tie — vi, azenoj, cetere nenion komprenus el ĝi. — Estis nokte. La vetero estis terure malbona. La vento blovegis kvazaŭ ĝi nepre intencus ĉion diskrakigi. Huh ! huh ! huh ! La ondoj ĉiumomente invadis la ferdekon kaj lavis nin kontraŭvole. Flak ! flak ! flak ! Huh ! Flak ! ktp... Estis bela uragano.

Subite okazis, kio devis okazi. Nia ŝipo ĵetiĝis sur pintan rokon kaj tie senestetike malfermis sian ventron en kiun kaskadege la maro penetris, gluglu! gluglu! Pro sia pezo la akvo puŝis la tuton al mistere senpardona fundo. Kompreneble mi ne restis tie: se jes, mi ne estus antaŭ vi uzanta mian salivon por vin distri, he kreduloj! Nu, mallongfraze, mi retroviĝis kelkajn momentojn poste en savboateto, kie jam kuŝis du homoj. Laŭ la eksplodo de nature koleraj voĉoj, kiuj tuj akceptis la trian savaton, min, tuj klariĝis, ke la du unuaj estas miaj edzino kaj bopatrino. Ja el la tri mi estas la plej forta; do mi decidis konservi mian lokon. Tiel ni sidis jam de kelkaj horoj, kiam evidentiĝis klare, hele kaj lume, ke nur du homoj, kaj ne tri, povas restadi en tia senrezista, salakvon gluttanta boateto. Necesis senprokraste iun ĵeti en la maron, por ke la du aliaj havu ŝancon postvivi. Ĉu mi perdu pli da tempo klarigante al vi, ke eĉ sekundonon mi ne pensis pri mi por tia ofero. Mia elekto hezitis inter bopatrino kriema kaj edzino, kvankam pli juna, tamen ankaŭ jam tiom kriema, kiom ŝia patrino (ŝi pli rapide progresis). Jen la terura, sangavida kaj drama situacio, en kiu troviĝis via maljuna amiko. Kion estus vi farintaj, sur mia loko, he, kloakaj ratoj? »

Nu, ni diversmaniere komentis la problemon kaj eĉ proponis solvan viktimon: jen la edzinon, jen la bopatrinon, jen ankaŭ, kaj kun persisto, Pulbuŝelon, kvankam li mem decidis konsideri sin kiel ekster la konkurso. Fine, li stariĝis kaj ni opiniis, ke baldaŭ ni konos la konkludon de l' tragedio. Li atendis, ke nia scivolemo atingu ian sufiĉe potencan gradon, nome paroksismon, por lerte profiti la situacion per flama klarigo. Ale ben Tarip, kiu esperis, ke lia interveno havigos al li preskaŭ neuzitan pecon da kontrabandita maĉtabako, demandis lakone al la rakontanto:

« Kion vi? »

La respondo ne venis tuj. Verŝajne ankoraŭ Pulbuŝel poluris ĝin inter siaj langopinto kaj makzeloj. Fine, li lace murmuris:

« Mi vekiĝis. »

Kaj mallerte katenante sian emocion li pezpaŝe foriris al sia kajuto.

Pulbuŝel.



# Artabanismo

La francan vorton « artabanisme » originale kreis, kun intuicia sento, la poeto Fernand Vandérem; sed ankoraŭ ĝi paradas en neniu enciklopedio aŭ leksikono. Sekve, mi intencas klarigi iomete la sencon de tiu ĉi neologismo, — ĉar, kelkfoje, neologismo havas sencon.

Fernand Vandérem estas poeto, kaj kiel poeto, verŝajne, li riproĉas al siaj samlingvanoj, ke ili tro senfantazie uzas, por esprimi siajn pensojn, tute pretajn kliŝojn. Tio kredeble estas praktika sistemo, sed aliflanke paralizas la naturan krepovon de libera spirito. Komence tiuj kliŝoj sendube havis kelkan ĉarmon pro sia relativa freŝeco, sed hodiaŭ, kiam eĉ vulgara strathomo uzas ilin, ili aspektas kiel eluzitaj seriartikloj, ŝablone fabrikitaj. Precipe ofte oni uzas tiujn kliŝojn por esprimi komparon. Tiel ekzemple, kiam temas dum konversacio pri iu fiera persono, senmanke troviĝas iu, kiu citas la kliŝon: Li estas fiera kiel Artabano *). Kaj nun, vi tutcerte komprenas la originon de la strangŝajna vorto « artabanismo », kiu naskiĝis, paralele, el la sama fonto, el kiu ŝprucis, dank' al afabla kunhelpo de Grabowski, nia Esperanta « adasismo » **). Kelkaj aliaj ekzemploj de francaj artabanismoj estas : Profunda kiel puto ; — malgrasa kiel najlo ; — naĝi kiel fiŝo ; — ronki kiel gliro ; — malriĉa kiel Ijob ; — plena kiel ovo ; — ruĝa kiel papavo, ktp.

Post longa pripensado, longa kiel fazanvosto, mi alvenis al tiu ĉi saĝa konkludo, saĝa kiel Salomono mem, ke Esperanto ankoraŭ ne suferas pro tromulto da artabanismoj. Tion sendube ĝi dankas al sia juneco kaj ĉefe al la vigla sprito de siaj adeptoj. (Dankon !) Pli ! Ĉe ni la situacio estas renversita kaj prave ni plendas, ke ni ne havas sufiĉe da kliŝoj, ĉar, kiel diras nia kompetenta amiko Dubois, kliŝo estas nepre necesa. Dank' al ĝi ni povas, necerbumante, eldiri banalajn stultaĵojn, ni povas babili tute flue, eĉ ne pensante pri tio, kion ni diras. Ni do bezonas kiel eble plej multe da ripozigaj kliŝoj kaj modeste mi proponas al nia elita legantaro, — elita kiel Piratabonanto, — kelkajn Esperantajn artabanismojn, lasante al ĉiu la eblecon plilongigi laŭplaĉe, speciale dum instruaj grupkunvenoj, la sekvantan, nekompletan liston :

Pacienca... kiel membro de AELA,
malofta .... kiel arĝenta spesmilo,
vigla ....... kiel la movado,
naiva....... kiel freŝbakita samideano,

---

*) Herofiguro el romano de La Calprenède.
**) Por pluaj detaloj vidu la Enciklopedion.

bela ...... kiel Ĉe-instruisto *),
plena ..... kiel grupokaso,
dolĉa ..... kiel transmara korespondantino,
interesa... kiel jarlibro,
regula .... kiel kotizo,
ronki ..... kiel akademiano,

kaj sala..... kiel Fumal.

*) Eble pro rememoro tute persona.

## KLARECO



*Wranka Dragutin.*

— Klareco estas la ĉefa kvalito de Esperanto, kaj Esperantisto, kiu malgraŭ la mirinda fleksebleco de la lingvo ne sukcesas komprenigi sin de ĉiuj, tuj kaj senhezite, estas ŝafkapo; ĉu vi komprenis?

— Ne!

## *SPORTO EN VIENO*

*Vieno, tion bonvolu ne forgesi, estas la tipa urbo de l' sportuloj. La L. K. K. mem ne forgesis tiun ĉi fakton. Tamen, malgraŭ ĝiaj ĝisnunaj klopodoj estas ankoraŭ necerte, ĉu oni povos dum proksima Aŭgusto glitveturi sur la Danubo aŭ skikuri sur la najbaraj montoj. Sed jam nun ni rajtas anonci, ke oni vidos tie belan sporton, ĉar ja aliĝis al la Kongreso la fama, batalema ĉampiono, lia eks-ministra moŝto Benar.*

*Ĉiuj, kiuj partoprenis la Afrikan Krozadon, sendube bone rememoras lian brilan sportan talenton. Tial senhezite, venu ĉiuj al Vieno !*

*L. K. K. (Lukto-Karambol-Konkurso).*

# Ĉu La Pirato plue kaperu ?

Kelkaj el niaj kutimaj kunlaborantoj akceptis tre malaprobe la ŝipestran intencon ĉesigi la kaperon de La Pirato ; kaj — kvankam mem tre absorbataj de la ĉiutaga vivbatalo — promesis alporti ĉiumonate sufiĉan kvanton da paĝoj kaj elpremi taŭgajn artikolojn el samspecaj verkistoj.

Ni decidis provi la eksperimenton : Nia proksima numero aperos sur 32 paĝoj (dum februaro). Se ni ricevos sufiĉe da utiligebla materialo, ni plezure daŭrigos la kaperadon. Tial, ni turnas nin al ĉiuj verkemuloj, kiuj kapablas surpaperigi Piratspecan kanibalaĵon. Ni scias, ke la nombro de niaj novaj kunlaborantoj necese estos limigita pro la fakto, ke ni bezonas originalaĵojn, ne tradukaĵojn, — farsaĵojn, ne seriozajn artikolojn. Ĉu vi bonvolos fari la provon ?

**Ĉar ni decidos definitive pri la daŭrigo aŭ ĉesigo de nia entrepreno nur laŭ la rezultatoj de l' kunlaborado, ni insiste petas, ke oni atendu tiun ĉi definitivan decidon por sendi al ni novajn abonojn aŭ reabonojn. Do neniu sendu monon al ni antaŭ la fino de februaro.**

Intertempe ni prezentas al ĉiuj Pirat-geamikoj tra la mondo niajn plej sincerajn bondezirojn por la Nova Jaro.

La Pirato.

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Flossgasse 7/4-a, *Wien II.* — Unu jaro : S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro : Kr. 20,—. Poŝtĉek-konto 12.371 Praha, « Svaz cs. esperantistu ».

*Germanujo :* Ĉiuj poŝtoficejoj akceptas poŝtmandatojn por J. Solsona, 9, rue Hallé, *Paris-XIV*e. — Unu jaro : RM 2,—.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,—.

*Italujo :* Esperanto - Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1,25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo :* S-ro Oskar Svantesson, Mariagatan 7-9 A, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro : Kr. 3,75.

**Abonoj povas komenciĝi ĉiumonate.**